


Año IV (N.º 40)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 4

ABRIL 1952

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

## ◆◆ EL EJEMPLO DE ITALIA

La noticia publicada en nuestro último número, en sitio y forma destacada, sobre la autorización del Gobierno de Italia para la enseñanza del Esperanto en las escuelas primarias, merece, por su trascendencia, que sea glosada en relación con su importancia. En efecto, Italia es, por su historia y situación geográfica, la nación que más puede parecerse a la nuestra en el aspecto lingüístico. Cuna de la lengua latina, que equivale a nombrar el mayor vehículo de cultura de todos los tiempos; patria de Cicerón, Virgilio, Dante y Oriosto; bañada, como nosotros, por el mar que ha sido, en todos los tiempos, el solvente de todas las civilizaciones; Italia, que al propio tiempo es la patria de Galvani y Marconi, quiere vivir de cara al futuro; y, aunque orgullosa de su estirpe y de su bello idioma, reconoce el deber de pensar en el porvenir idiomático de las generaciones del mañana. La presencia del Ministro de Instrucción, Segni, durante el pasado Congreso de Pisa, ha dado sus frutos. Las indudables ventajas del idioma internacional debieron impresionar de tal manera al Ministro, que pocos meses después ha aparecido el decreto, que ha llenado de júbilo a todos los esperantistas, no sólo italianos, sino del mundo entero. Ello es como un complemento de la gran labor difusora de la cultura italiana, que realizan las emisiones en Esperanto de Radio Roma; las cuales dos veces por semana: martes y viernes, durante veinte minutos, en un selecto programa, prueban la dulce musicalidad del Esperanto, comparable al mismo italiano, y demuestran a los escépticos, que quieran comprobarlo por sus propios oídos, ya que no por sus ojos, que de veras existe el mundo esperantista.

Este gran adelanto en la consideración del Esperanto, en los medios académicos, puede hacer pensar a las autoridades pedagógicas de otros países, en la conveniencia de estudiar medidas semejantes en sus planes de enseñanza, tanto más cuanto que la cuestión del Esperanto ya recibió sanción favorable, después de concienzudo análisis, por la comisión de técnicos de la Sociedad de Naciones. Todo ello no será óbice para que, de vez en cuando, algún periodista de vía estrecha, carente de cultura y de buen gusto, arremeta, más con decantada ironía que con magros argumentos, contra el idioma auxiliar, del cual no conoce más que el nombre, y absolutamente nada de su estructura, utilidad y difusión. Si en Roma hubo patricios que condujeron a la gran nación a la cabeza de la cultura, durante muchos siglos, no olvidemos que en el propio Capitolio hubo gansos, cuyos graznidos fueron absolutamente baldíos, y no pudieron evitar la irrupción de los galos. Los modernos gansos no se enteran de la importancia cultural del Esperanto. No saben nada, absolutamente nada, acerca de él. No han podido comprobar su eficacia en Congresos Internacionales. No le han oído hablar. Pero se permiten opinar sobre la materia; y reirse. Pero como buenos gansos, al reirse... graznan.

Y mientras tanto, sin ruidos ni alharacas, conscientes de nuestra razón y de la variedad de nuestros denostadores, vamos sumando bazas positivas, como esta de la aprobación del Esperanto por las altas esferas académicas italianas.

La 13ª Hispana Kongreso de Esperanto en Valencia, dum la proksima somero, devas esti jam nun akurata rendevuo por pozitiva laboro en agrabla atmosfero de arto, kulturo kaj amuzo. Post tia deklaro, kiu estas serioza promeso:
KION VI ATENDAS NUN ANKORAŬ, DO, POR ANONCI VIAN NOMON?

# HISPANA KRONIKO

**SANTA ISABEL.**—En ĉi tiu urbeto, administracia centro de la insulo Fernando Poo, afrika hispana kolonio, Esperanto disvastiĝas dank' al la klopodoj de nia fervora samideano kaj ŝatata amiko, la misiisto Felikso de Valois Arana. En raporto, kiun ĵus ni ricevis, li rakontas pri la evidenta sukceso, ke la grupo de nigraj samideanetoj, el inter la tieaj seminarianoj, ne nur ne reduktiĝis sed, kontraŭe, kreskis ankoraŭ pli. Nun estas kvardek, laŭ tute ekzakta nombro, la negraj junuloj, kiuj sekvas la lecionojn de sia instruisto. En la dirita raporto, li asertas, ke ili ĉiuj estas tre lertaj kaj diligentaj lernantoj, kaj ke ili ĉiuj sufiĉe bone skribas jam nian lingvon. Ni ĝojas pro la admirinda laboro de nia izolita, kaj preskaŭ ekzilita, amiko scianta tiel administri sian tempon, ke, en fora angulo de la mondo, Esperanto estas pli konata kaj populara ol en gravaj metropoloj. Nia amiko dankas fervore la multajn ricevitajn salutojn.

*La «Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorro», de Moyá, organiza para el día 22 de Mayo un Certamen Literario, entre cuyos premios hay establecido uno de 150 pesetas al trabajo con el lema «El mundo es un pueblo—Necesidad de un idioma auxiliar internacional».*

*El plazo para la admisión de los trabajos finaliza el 1 de Mayo.*

**Para detalles dirigirse a D. RAMON MOLERA — Hospital, 13 — MOYÁ (Barcelona)**

*La esperantaj elsendoj de Radio Stokholmo okazas nun jene, laŭ hispana oficiala horo:*
LUNDE: de 8'15 ĝis 8'30 – MARDE: de 2'15 ĝis 2'30, per ondoj de 27'83 m. kaj 49'46 m.
*Krome, la lundojn okazas plia elsendo:* de 16'15 ĝis 16'30 per ondoj de 19'80 m. kaj 27'83 m.

*Radio Roma daŭras en siaj interesaj Esperanto-programoj, laŭ kutimaj horoj kaj ondoj. Aŭskultu:*
Merkrede kaj Vendrede: de 18'30 ĝis 18'50 per ondoj de 25'21 — 31'35 — 49'92 m.

## INTERLINGVA PARALELO

### ORIGINALO

La tempo, kiam la blinduloj estis nur almozpetistoj, forpasis. Hodiaŭ, ili lernas profesiojn; multaj scias skribi per la skribmaŝino kaj estas okupataj en kontoroj kaj fabrikoj. En la industrio laboras multaj blinduloj. Aliajn oni okupas kiel telefonistojn. Ekzistas ankaŭ blindaj masaĝistoj. La laste nomita profesio estas tre ŝatata en Japanio, kie blindulo kaj masaĝisto signifas la samon.

El artikolo de la blinda germana esperantisto H. Möbis

### TRADUKO

**El tiempo, cuando los ciegos eran sólo unos mendigos, ha pasado. Hoy aprenden oficios; muchos saben escribir a máquina y están empleados en despachos y fábricas. En la industria trabajan muchos ciegos. A otros se les ocupa como telefonistas. Existen también masagistas ciegos. La profesión últimamente nombrada es muy apreciada en el Japón, donde, ciego y masagista, significa lo mismo.**

De un artículo del ciego esperantista alemán H. Möbis




## XIII CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

### 26 - 27 - 28 - 29 de Julio de 1952 en VALENCIA

**Se está preparando la edición de unas artísticas postales a SEIS tintas y que por todo el mes de Mayo podrán ponerse en venta, a un precio mínimo, para que nuestro Congreso pueda ser anunciado por todos los sitios donde hayan esperantistas. Seguidamente, y con el mismo fin, se editará un vistoso cartel que, en un alarde de colorido, será la llamada final para la gran asamblea del esperantismo español. Todo esperantista debe, pues, preparar sus vacaciones para la fecha anunciada, con la seguridad de pasar unos días inolvidables, en un grato ambiente de cordialidad, donde el Esperanto, lleno de vida, demostrará su eficacia y su belleza. Pero... no vaciléis, mandad ya vuestra adhesión, el tiempo urge y es necesario poder contar con la presencia efectiva de todos vosotros para que un brillante resultado complemente nuestros afanes. Difundid este aviso entre vuestras amistades y notificad, al par que vuestra adhesión, sugerencias e iniciativas al**

**COMITÉ ORGANIZADOR del XIII Congreso Español de Esperanto**

Pelayo, núm. 7, 1.° — Teléfono 19532 — VALENCIA

PER MALMULTE DA PENO VENAS REKTE LA SPERTO, SE NE MANKAS LERTO!

**ĈU VERE ONI POVAS LOĜI TIE?**

En grava brazila urbo, eibarano tie loĝanta provizore diskutas kun brazilanoj pri la ebleco povi vivi en la luno. Kelkaj brazilanoj asertas, ke en la luno ekzistas homoj pli aŭ malpli similaj al la teranoj. Sed la obstina basko ne konsentas.

En tiu momento aperis alia samurbano, kiu tuj estas pridemandata:

—Aŭskultu vi, Toribio, ĉi tiuj amikoj asertas, ke en la luno ankaŭ loĝas personoj.

—Ho, mi ne scias certe, sed povas esti.

—Ĉu vere tiel vi opinias? Nu, bone, hodiaŭ mi konsentas, ke ili povas loĝi, ĉar estas plenluno, sed kie ili lokiĝos post unu semajno, kiam la luno fariĝos maldika?

**Santiago Arizmendi** - *Eibar*

## DOZOJ DA SPICO

—Mi ne ŝatas dungi vin, ĉar vi jam perdis antaŭe ses postenojn.

—Tamen, ilin mi perdis ne volonte...

—Ĉu vi volas prunti al mi dek pesetojn?

—Mi ne konas vin. Kial vi ne petas tiun favoron al amiko aŭ konato?

—Ĉar mi scias laŭ sperto, ke neniu konato volas prunti al mi eĉ unu centimon.

Watson.—Ho, jen; hodiaŭ matene vi portas flavecan subpantalonon.

Sherlock Holmes. — Bonege, mia kara Watson, vi ege progresas. Sed, diru: Kiel vi eltrovis, ke hodiaŭ mi surprenis flavecan subpantalonon?

Watson. — Estas facile, Sherlock, vi ja forgesis surpreni vian pantalonon!

El LA RONDO. organo de Aŭstralia Esperanto-Asocio

En la Universitato de Heidelberg, oni gardas ekzempleron de la plej malnova eŭropa gazeto. Temas pri broŝuro kun dek-du paĝoj; sur la unua troviĝas indiko pri la jaro 1609a. En tiuj paĝoj aperas semajnaj raportoj, en formo de leteroj datitaj en la plej gravaj urboj de Eŭropo.

Pli ol duono de la tutmonda loĝantaro troviĝas en Azio, kaj nur kvarono en Eŭropo.

La simioj estas la solaj bestoj, kiuj scias kisi, kiel esprimo karesa de estimo.

*Mi firme opinias, ke la scienco kaj la paco triumfos super la malklereco kaj la milito; sed vere nur tiam, kiam la nacioj unuiĝos; ne por detruaj, sed por konstruaj celoj.*

LOUIS PASTEUR

## SFINKSA ANGULETO

MISTERAJ KARTETOJ.

| IDARO | TRIBUTO |
| --- | --- |
| 3 B | O — IM |

**La solvoj devas veni ĝis 25. de Majo**

SOLVO DE LA **PSIKOLOGIA STUDO** EN LA PASINTA NUMERO

1: 65 jaroj — 2: 30 jaroj — 3: 18 jaroj — 4: 45 jaroj

TRA LA VERKARO DE HISPANAJ KLASIKULOJ



*Vekiĝu dormantanimo,*
*Vigliĝu jam vian cerbon*
*Rigardante:*
*Kiel forpasas la vivo*
*Kiel alvenas la morto*
*Silentante...*

(De Jorge Manrique)

*Venu morto tiel kaŝite*
*Ke mi ne sentu la iron,*
*Por ke la mortoplezuro*
*Ne redonu al mi la vivon.*

(De Sankta Teresa de Jesús)

Esperantigis Eŭma (*Zaragozo*)

## ONI NE PLU UZU ATOMBOMBON!

Jen kortuŝa, ege simpla, raporto de Junko Mijata, japana infanino, kiu estis nur 4-jara, kiam eksplodis la atombombo, pri kio ŝi skribas laŭ jena maniero:

Tiam, mi rifuĝis al la kamparo, en Ŝikotu, kun panjo kaj mia fratineto.

Venis informo, ke paĉjo estis mortigata en oficejo, kiam la atombombo eksplodegis super la urbo Nagasaki.

Tuj, tre rapide, ni revenis al tiu urbo.

Domoj, estis tute rompitaj.

Disŝirita, mia pupo estis tute sola!...

El la japana revuo «La Hemoglobino»

*La stampo de la morto donas prezon al la monero de la vivo.* TAGORE.

# VALENCIA

*La nunjara kongresurbo estas la tria urbo en Hispanio, post Madrido kaj Barcelono. Certe, ĝiaj pli o industrio, fama artkapablo, milda klimato, gastameco kaj gaja karaktero forte logas kaj tentas al ĝia rememorojn. La urbo, ĝenerale, konservas ankoraŭ, spite de siaj modernaj kvartaloj kaj imponaj k katedralo, kun ĝia fama turo* El Micalet *(Mikaĉjo)—emblemo de la urbo— la borso, mezepokaj pa ĝia senkompara ĉirkaŭanta bedaro, kiu kvazaŭ ampleksa ĝardeno, diversaspekta, multkolora, ŝpruc liveras tri sinsekvajn rikoltojn en sama jaro kaj formas belan fonon, sur kiu ĉarme aspektas la u mildigas la temperaturon per refreŝigaj ventetoj. La ebena kamparo etendiĝas norden ĝis montoj de admiri imponajn ruinojn de tiu iama centro de kulturo, kiu kuraĝe sin defendis, en terura sieĝo, kontr tra densa montaro, oni iras al* Porta-Cœli, *malnova monahejo kuŝanta sur agrabla valo, inter pinar mirinde elvokas japanan aŭ indonezian pejzaĝon, kun la pentrinda lago, plej granda en Hispanio, A kiun tiel trafe kaj vigle priskribis la tutmonde konata valencia verkisto Blasco Ibañez. Tipa manĝa en valencia lingvo* all i pebre *(ajlo kaj pipro); ĉar loko kien nepre ekskursas la turistoj, ankaŭ la mangaĵon kaj admiri tiun ekzotikan pejzaĝon, kiel interesan punkton en la programo de la Kongres vagonaro, oni povas viziti strangajn vilaĝojn en Paterna kaj Benimamet, kie miloj da enloĝantoj lo belaj kaj... eĉ komfortaj! Cetere, por esperantistoj, Valencia estas elstare grava, ne ja pro tio ke ĝi est sed ankaŭ pro la grava esperantista rolo, kiun ĉiam ĝi ludis en diversaj cirkonstancoj. Kaj nun, ĉe kolorriĉa parado de la Somera Foiro, la urba samideanaro nur bezonas la ĉeeston, en grand entuziasme malŝpari, honore al ili, la tutan provizon de sia sprito, a*

# INTER LA PROZO DE LA ESPERA

Jam de longe, la liriko de poetoj asignis al la hirundoj la rolon de avangardistoj, anoncantaj la sezonon de la plej milda klimato. Kiel fervora admiranto de la belo, ankaŭ mi ŝatas rigardi la rapidajn zigzagojn, kiujn ili desegnas fendante la aeron, dum daŭro de horoj kaj horoj... Sed, tiu mia admiro al ilia facila kaj lerta flugado neniel signifas, ke plene mi aprobas la famon nur al ili atribui la servon forigi la froston, kiel paĝioj de gaja Printempo. Jes, aparta eco de mia karaktero estas atenti zorge tiujn aliajn modestajn estaĵojn, kiuj, kvankam plenumante utilajn servojn, ne multan favoran atenton ricevas. Decas ja pro tio, do, iomete paroli nun pri la vespertoj, tiuj strangaj bestetoj, kiuj ne estante birdoj, ankaŭ anoncas per flugo la regalon de varmetaj tagoj. Flugante per mallerta sed obstina movo, tra la ombroj de l' vespero, ili daŭre purigas la aeron, ĉasante tiujn insektojn, kiujn neglektis aŭ mem ne rimarkis la viglaj hirundoj, dum heleco de sunbrilo. Ne hazarde, vesperto kaj vespero havas preskaŭ la saman literan konsiston, ĉar ili ambaŭ fidele sin reciprokas; tamen, se la melankolia vespero estas ofte prilaŭdata, en rozkoloraj amrakontoj, ne kongruas kun tio la malŝato, kiun ĝenerale oni sentas kontraŭ la vesperto, humila fluganta museto, kvazaŭ ĝi estus fibesto en inkubo pri kavernoj de sorĉistoj aŭ pri ruinoj de kasteloj, renversitaj de malbenoj kaj kriegoj de damnitoj en torturo... Ho ne, tute ne! Mi levas la voĉon, pledante por tiu simpatia nokta deĵoranto je la publika sano, ĉar ĝi estas tiel samrajta kuriero de Printempo, kiel la gracilaj hirundoj, krom viva emblemo de la regiono en kies ĉefurbo okazos nunjare, post nur tri monatoj, la 13a Hispana Kongreso de Esperanto; kaj, certe ja, tiu regiono ne estas ombra nek malgaja, sed hela, ege hela, kaj amuziĝema, plej amuziĝema...

Tamen, ho, ho... tro multe mi babilis forgesante, ke mi devas labori, por fari la kutiman raporton, antaŭ ol venos la horo de la vespertoj. Tial, do, jen la parado, kiu hodiaŭ, en bona ordo, antaŭ vi defilas:

Nederlando, en avangarda taĉmento, marŝas fronte sub la bonsorta ombrelo de HEROLDO DE ESPERANTO, modelo kaj ekzemplo por nia tuta gazetaro, ĉar ne nur obstine ĝi daŭre aperas du fojojn en la monato, sed ĝi eĉ kuraĝas promesi pri semajneco, se... iam la abonantaro kreskos. Bedaŭrinde, tio ne tiel facile okazos, sed neniam optimismo estas malbona signo. Vere, ĉi tiu ĵurnalaspekta gazeto estas ĉampiono por la freŝaj informoj de plej

Tute regule kaj normale, ANTENO ESPERANTISTA de Radio S. E. U. daŭras en siaj interesaj elsendoj 7088 kilocicloj kaj meza ondo de 225 m. 1333 kilocicloj. En la turisma sekcio «Vojaĝante tra la mo kion oni diras Esperante, estas ripetata hispanlingve, kio estas efika propagando por la neesperanti

Esperanto-Sekcio de la Franca Radio. Aŭskultu akurate la elsendojn kaj bonvo

*500.000 enloĝantoj, unuaranga agrikulturo, kreskanta vizitado, ĉar reirante hejmen oni kunportas agrablajn instruaĵoj, multajn atestantojn pri glora pasinteco: la coj, arabaj banejoj, k. t. p. Tamen, plej interesa estas a de blankaj karakterizaj dometoj—nomataj* barakoj— *bo, karese lekita de la blua Mediteraneo, kiu somere gunto, antikva greka kolonio, kie ankoraŭ oni povas Hanibal, la plej lerta generalo de tiu epoko. Okcidente, raj montoj. Sude, etendiĝas la senfinaj rizkampoj, kiuj bufera kaj la kuriozaj kanaloj de ĉi tiu unika regiono, estas tie angiloj, kuiritaj laŭ speciala maniero je nomo ngresanoj havos ŝancon por gustumi tiun bongustan . Najbare de la urbo, post kelkaj minutoj per elektra s en grotoj aŭ tipaj subteraj dometoj, mirinde puraj, s nuntempe la Federacia Centro de la tutlanda movado, sojlo de la 13ª Hispana Kongreso, en la kadro de la amaso, de landaj kaj eksterlandaj vizitantoj, por bleco kaj sana optimismo.*

# NTISTA GAZETARO

aktualaj temoj; legante ĝin oni penetras en la pulsantan vivon de Esperantujo. Antaŭen, do, kara samideano Teo Jung! NEDERLANDA ESPERANTISTO ja estas alia grandformata kolego, kiu en sia frontpaĝo prezentas kutime artikolon, kun treege studindaj punktoj, pri apartaj flankoj de nia movado. La klopodoj de niaj nederlandaj amikoj estas utilaj por ĉiuj; tial, ilia respondeco estas pli granda. LABORISTA ESPERANTISTO, gvidata de kompetentaj kaj lertaj kamaradoj, atestas pri la kapablo de laboristoj por superaj intelektaj okupoj: Per sobraj rezonoj oni prezentas argumentojn; kaj ankaŭ, sen retorikaj vualoj nek sofismoj, kiam necese oni nomas la aferojn per ilia ĝusta nomo. LA PROGRESANTO estas konfirmo de mia antaŭa aserto; ĉi tiu folieto portas al mi ĉiumonate vivosignojn de estimataj amikoj, kiuj, modeste laborante, meritas plenrajte sidi sur la plej altaj foteloj de la Akademio. LA JUNA VIVO kombinas sian trafan materialon laŭ maniero, ke ĝi estas ĝue legata de la junaj rondoj, al kiuj ĝi estas liverata. ESPERO KATOLIKA aperas nun en nova vesto, pezaj ekonomiaj cirkonstancoj devigas al pli modesta ŝtofo, sed la karakteriza obstino de ties gvidantoj garantias, ke la krizon oni venkos. Tamen, la nuna prezento estas plaĉa kaj bela, ne parolante pri la enhavo, kiu, kiel kutime, estas ĝenerale interesa. En artikolo pri Koreo, oni diras: «Ne ekzistas nuntempe, sur la tero, iu popolo tiel turmentata de spirita kaj materia mizero, kiel la enloĝantoj de ĉi tiu duoninsulo». SEMU KONŜTANTE estas katolika folieto de societo en la urbo Eindhoven; lerta distribuo de la materialo agrabligas ĝin. Mi kvitancas la regulan ricevon de BULTENO de Esperantistaj Fervojistoj. Bonega estas la jarraporto, sobre kaj detale—kaj belel—redaktita; mi pinĉas kelkajn vortojn: «La konstanta kreskado de la membronombro ne interrompiĝis; kontraŭe, ni faris gravan pason antaŭen kaj registris antaŭ ne longe la milan nombron». Mi volas nun speciale saluti la viglan organon de Esperanta Aŭroro: MATENRUĜO en Haarlem, nomo de urbo, aparte elstara por mi. Jam la ĉarma bildo de la urbo, ĉe la titolo, estas grafika voko de optimismo, kiun mi deziras porti ĝis lito de hospitado, el tiu urbo, kie nun kuŝas mia kara amiko-frato I. Schoon. Mi ege sopiras al lia baldaŭa resaniĝo, por legi denove lian nomon, en tiu simpatia gazeto, kiel unu el la urbaj aktivuloj. Kun tia deziro, mi forlasas la landon de la tulipoj, kiu okupis hodiaŭ la amplekson kaj plenan enhavon de mia tuta kroniko. En ĉi tiu momento, per lasthora depeŝo, mi ricevas poŝtkarton kun ĝentilaj vortoj de estimata samideano S-ro Butler; mi bedaŭras, ke tiel ŝatata amiko ne povas jam nun ricevi komplezon al sia justa deziro, kiu min honorigas. Pli bone, pro tio, atendi ĝis venonta monato, ĉar nun mankas adekvata spaco, urĝas la tempo...

...Kaj fariĝis vespero, kiel normala ĉiutaga reveno al la regno de la ombroj. Jen, do, jam la vespertoj en silenta flugado super proksima lageto, kie la ranoj kvakas rigardante la lunon, kiu en arkoforma fazo ŝajnas blanka barketo, sur maro senfina, inter la brilantaj insuloj de la steloj, sen atento al la naivaj rigardoj de la ranoj, obstinaj en sia kanto, agordita kun klara krieto de la bufoj, kiuj partoprenas en la komika simfonio, kvazaŭ per intermitoj de kristala fluto, vere magia muzikilo por la oreloj de **LA LEGEMA KOBOLDETO**

ĉiumerkrede je la 20'30 laŭ hispana oficiala horo (19'30 en Greenwich) per mallonga ondo de 42'33 m, do» oni prezentas alterne hispanajn kaj eksterlandajn urbojn. La tuta programo estas dulingva: ĉio. a publiko. En ĵusa vizito de itala-franca karavano, oni alportis kelkajn diskojn, kiel donacon de la n sendi viajn sugestojn al Radio S. E. U. str. Diego de León, 49 - Madrido (Hispanio)

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● FRANCIA.—Los esperantistas franceses han llevado a feliz término una iniciativa digna: la formación de «Maison Culturelle des Esperantistes français», a cuyo efecto han adquirido recientemente el hermoso Castillo de Gresillon, cerca de Baugé.

● HOLANDA.—«Rotterdamse Bank», de Rotterdam, y «Mildenstandsbank», de Amsterdam, entidades bancarias que entre su personal cuentan con esperantistas, han autorizado que los mismos coloquen avisos con el texto ***Oni parolas en Esperanto,*** como índice del uso de esta lengua, en el servicio al público extranjero, en sus transaciones.

«Wagonslits Cook» en las minutas que entrega, durante el servicio de comidas en sus vagones restauraütes, hace también la siguiente indicación: «Se dispone de tarifas en Esperanto». Estos hechos demuestran la importancia que está adquiriendo el idioma auxiliar en los diferentes usos mercantiles, donde existe un gran campo de acción.

● DINAMARCA.—«Ry Turistbureau» ha editado un folleto turístico sobre la ciudad, el cual puede solicitarse gratuitamonte a su dirección: Klostervej - RY (Dinamarca).

● NORUEGA,—El Presidente del Gobierno, señor Oscar Torp, ha aceptado ser miembro del Comité de Honor del Congreso Universal de Esperanto, que ha de celebrarse el próximo Agosto en Oslo, A la inauguración de este gran certamen internacional asistirá, con carácter oficial, el Ministro de Educación noruego, señor Lars Moen, así como el alcalde de Oslo, señor Olav Torp, que ha de presidir la sesión de apertura.

Hasta la fecha, los participantes inscritos para asistir al Congreso son ya más de un millar de personas, de 28 países diferentes, quienes, a pesar de la diferencia de idioma nativo, se entenderán perfectamente con el Esperanto, sin necesidad de intérpretes y sistemas de traducción simultánea, tan engorroso y costoso, al par que tan deficiente.

● ALEMANIA.—En el Pabellón de Televisión, durante la Feria Industrial Alemana, de Berlín, han sido presentados múltiplcs y variados programas; entre ellos, una interviú televisada, con varias personalidades, sobre el problema de la lengua internacional.

● AUSTRIA.—Del 12 al 14 de Septiembre próximo, se celebrará el ***Tutaŭstria Kongreso Katolika,*** en Viena, bajo el valioso patronato de Su Eminencia el Cardenal Innitzer.

Por la Dirección Genoral de Correos y Telégrafos ha sido autorizado, durante las horas de trabajo y servicio al público, el uso del distintivo «Esperanto» en el uniforme de los funcionarios aptos, previo examen, para conocimiento de los visitantes extranjeros.

● ITALIA.—La Feria Internacional de Verona usa el Esperanto como idioma dc su correspondencia y también como propaganda de sus actividades en el extranjero.

El escritor mundialmente conocido Giovanni Papini, en unas declaraciones a un diario de Mantua, ha manifestado, al referirse a su viaje a través de Turquía, Egipto, España, Francia, Suiza y Baviera alemana, que conociendo bien el inglés, el francés y el alemán, un poco el español y el sueco, sin embargo, el Esperanto le fué un idioma más útil de lo que hubiera podido imaginar antes de emprender la mencionada tournée.

● YUGOSLAVIA.—La Comisión de Cultura del Ayuntamiento de Zagreb ha subvencionado con 50.000 dinares al Grupo Esperantista para la edición de un vocabulario Esperanto-Servio, que pueda ser vendido a precios lo más económicos posible.

● JAPON.—«Japana Esperanto-Instituto» cuenta actualmente con varios millares de miembros, existiendo grupos esperantistas en treinta Universidades y cincuenta Escuelas Superiores, lo que es indicador del valor que al idioma auxiliar se da en aquel país, para las relaciones culturales con el exterior, principalmente con el occidente europeo.

## EL ESPERANTO EN LAS ESCUELAS

**Durante el curso escolar 1950-51, el Esperanto ha sido enseñado en 134 escuelas de 16 países: Alemania, Austria, Bulgaria, Checoslovaquia, Dinamarca, Finlandia, Francia, Gran Bretaña, Grecia, Holanda, Hungría, Italia, Noruega, Polonia, Suecia y Yugoslavia. Los cursos han sido explicados por 120 maestros. Los cuatro países con mayor número de cursos han sido: Francia, Gran Bretaña, Alemania y Grecia, de mayor a menor. Por el número de escolares asistentes, el orden es Grecia, Gran Bretaña, Alemania y Francia**

# Ricevitaj Libroj

**SPIRITAJ EKZERCADOJ** de Sankta Ignacio de Loyola. Tradukis Eŭma. Eldono de la tradukinto. Presejo: «Librería General» - Zaragozo (Hispanio) kun *imprimatur* de la Ĉefepiskopo de Zaragozo. 206 paĝoj. Poŝa formato: 13 x 9 cm. Prezo: 3 steloj (7'50 pesetoj) Mendebla kaj aĉetebla ĉe Libro-servo de Hispana Esperanto-Federacio aŭ ĉe U. E. A.

Kun granda ĝojo mi ricevis la komision recenzi la tradukon de la mondfama verketo de Sankta Ignacio de Loyola. Kion diri pri ĝi? Estas sufiĉe konata la alloga maniero per kiu la jezuita Sanktulo pritraktas la plej interesajn problemojn de la vivo. La bona plumo de la tradukinto kondukas nin klare, sen ĝeno, sen mallumeco, tra la vojo, kiun signis la fondinto de la kompanio de Jesuo. Mi devas, tamen, konfesi, ke antaŭe ankoraŭ mi ne legis ĉi tiun verkon. Mi atendis, do, terurajn informojn pri la morto, pri la infero, pri la Dia kolero... Sed ne, mi trovis alion. Mi trovis la manieron esplori, kiel oni povas plenumi la taskon de nia vivo laŭ la Dia Volo. Deziri vivi plenumante taskon por la homaro estas ideo, kiu ne nur apartenas al religiuloj, sed al multaj personoj, kiuj ja elstaras en la paĝoj de la Historio, kiel efektivaj bonfarantoj. Sankta Ignacio kondukas nin laŭ tiu direkto. Ege interesa estas la parto pritraktanta la manieron perfektigi sin, forpelante la pekojn kaj la difektojn, kreskigante samtempe la virtojn. Ne sufiĉas forpeli la pekojn, ĉar por ne reveni al ili estas necese kreskigi la virtojn kontraŭajn. Sed... kiel fari tion? Legu la verketon! Kaj certe vi dankos multe.

Post la ekzercadoj por kvar semajnoj, sekvas la misteroj de la vivo de Kristo, kaj la tiel nomataj *reguloj*, kio ne estas sensignifa parto, kun trafaj konsiloj por distingi, ĉu niaj pensoj kaj deziroj estas bonaj aŭ malbonaj, ĉar ne ĉiam estas klara la distingo, dum la spiritaj statoj de ĝojo kaj malĝojo, konsolo kaj aflikto. Laŭvice venas la indikoj pri disdonado de almozoj, pri juĝado de skrupuloj, k. t. p. Jen, do, libreto ne nur rekomendinda, sed rekomendenda, ne nur al katolikoj sed ankaŭ al personoj kun religia sento pri la vivo, konsciaj pri sia respondeco, kaj al ĉiuj personoj dezirantaj esti pli bonaj aŭ atingi siajn idealojn, en rilato al sia propra perfekteco, al kio multaj deziras, sed ili ne povas. La verketo montras la manieron, kiel agi tiurilate.

La papero estas tre bona. S-ro Eŭma, la lerta tradukinto, nur enkondukis tri novajn vortojn: ***kontempli, kontrico*** kaj ***misterio***. La lingva stilo, ĝenerale, estas flua kaj eleganta. Iom malagrabla, tamen, estas la trancado de tro multaj vortoj inter du linioj.

**JOSÉ GUZMÁN.**



**PAPO PIO X BEATA** de D-ro Adolf Habdl. Presis *Primon* kaj eldonis *A. Paolet* (San Vito al Tagliamento-Italujo). 110-paĝoj (19 x 13,5 cm.) Prezo 400 liroj plus 10 % por afranko (8 resp.kuponoj)

Belaspekta, alloga libreto kaj per sia prezento kaj per sia enhavo. Oni ne diras, ĉu estas verko rekte skribita en Esperanto, ĉu traduko de iu esperantisto, ĉu traduko de la aŭtoro mem. Tio estus bone.

Mi ne povis ne legi ĝin seninterrompe. Ne nur por katolika samideano, sed ankaŭ por la tutmonda legantaro estas ĉi tiu libreto io rava. Per simplaj mallongaj trajtoj, oni prezentas al la leganto la gigantan — humile gigantan — figuron de unu el plej elstaraj homoj de nia epoko.

La traduko (mi opinias, ke oni tradukis ĝin el la germana lingvo) estas zorge kaj ame farita laboro, malgraŭ iaj preseraroj, korekteblaj laŭ noto sur lasta paĝo.

Mi ne konas la vortojn: ***hasto, kaplano, fenigo, duomo, paŝtataro, noveno.*** Estus bone, se oni estus doninta difintabelon de ĉiuj ekster-SAT-vortaraj radikoj. Aliamaniere, la atento de la leganto estas neutile disigata, kio ne bone efikas.

Eble, tro laŭvorta traduko el germana lingvo enŝovis strangajn tute ne klasikajn konstruojn. Ekzemple: (p. 17) «...kiu estis bona predikisto kaj kredis (pensis?) sia tasko, ankaŭ Sarto fari tian». (p. 96) «...kiuj zorgas pri via kaj de la tuta eklezio saviĝoj». Min faletis aliaj esprimoj: (p. 9) «situanta»; (p. 25) al tiaj, kiuj...» (p. 37) «manĝigis la malsatajn»; (p. 56) «terana»; (p. 73) «povi absolvi novenon»; (p. 86) «tiaj kiuj devus.» «Mi ne vidis liajn infanojn serĉi panon...»

La dirmaniero ***ne jam*** anstataŭ ***ankoraŭ ne*** (paĝoj 73 kaj 100) ŝajnas evitinda pro tio, ke kvankam ĝi estas tute logika, tamen ne klasika. Sed ĉiuj ĉi tiuj, laŭ mia opinio, lingvaj eraretoj neniel malpligrandigas la kortuŝan legadon, la aŭtentikan, gravan celon: klinigi la leganton al la opinio, ke la Papo Pio X[a] estis ja vere neordinara servanto de Dio. Strangaĵo ŝajnas al mi la manko de presesprimita eklezia permeso.

Monflanke: 8 respondkuponoj (32 ptoj.) estas certe, laŭ mia opinio, tro alta prezo. Eble, oni celas ŝirmi la eldonadon kontraŭ valutaj disfaloj; sed anstataŭigi naciajn monunuojn per nacia oficiala tarifo ŝajnas al mi nuntempe: «eliri el la koto por eniri en la peĉon».

**Eŭma (Zaragozo)**

## ESPERANTISTA VIVO

*Nia kara amiko Lopez Herrero, brava gvidanto de nia movado en Madrido, ĝojas nun pro feliĉa naskiĝo de bela fileto.*

*Ankaŭ en la Valencia rondo, la hejmo de José Rufes, sindonema kamarado, jus ricevis la ornamon de plia sana kaj forta bebo.*

*Al ambaŭ samideanoj kaj ties edzinoj ni atestas niajn plej sincerajn gratulojn!*

## CONGRESOS DE ESPERANTO

4.ª Kongreso de Internacia Federacio de Esperantista Fervojistoj
del 25 al 30 de Mayo en LINDAU
Eisenbahndirektion
Museumstrassem, 39 HAMBURG-Altona (Alemania)

36.ª Brita Kongreso Del 30 Mayo al 2 Junio
57, West Vallum-South Denton
NEWCASTLE - upon - TYNE, 5 (Inglaterra)

— 36.ª Belga Kongreso de Esperanto —
del 31 de Mayo al 2 de Junio
BRUGGES (Bélgica)

Kongreso de Sveda Esperanto-Federacio
del 31 de Mayo al 2 de Junio 1952
Dirección: Postbox, 125 STOCKHOLM 1 (Suecia)

Dana Esperantista Kongreso
del 31 de Mayo al 2 de Junio de 1952
VEJLE ◇ (Dinamarca)

**Eldonkvanto de ĉi tiu numero: 900 ekzempleroj**

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a ABRIL 1952)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 1.742 | Ptas. |
| José Casanovas, Pbro. - Gerona | 10 | » |
| Doniel Muñoz - Catarroja | 10 | » |
| Andrés Ballestín - Zaragoza | 5 | » |
| C. Cañellas - Barcelona | 16 | » |
| Miguel Tarragó - Almatret | 5 | » |
| Florencio Santacruz - Barcelona | 5 | » |
| José Anglada - Bardelona | 100 | » |
| Francisco Pinedo - Madrid | 25 | » |
| Ramón Molera - Moyá | 8 | » |
| Manuel Ortigosa - Zaragoza | 4 | » |
| María Casasnovas - Zaragoza | 10 | » |
| Esperanto-Grupo - Sabadell | 45 | » |
| Francisco Navarro - Cartagena | 5 | » |
| Francisco Pla - Valencia | 15 | » |
| Total | 2.005 | » |

*¡Gracias, amigos! pero... que no baje el nivel.*

La Esperanta Korespônda Grupo: 260, Oka - Shinmachi Hirakata - City (Osaka) (Japanio), serĉas hispanajn gemikojn.

KURACISTOJ ESPERANTISTAJ, **ATENTU:**
Okaze de la 13ª Hispana Kongreso de Esperanto en Valencia (fine de Julio) oni aranĝas Kuracistan Kunvenon al kiu estas speciale invitataj partopreni eksterlandaj kolegoj
Apartajn detalojn oni povas peti al
D-ro Rafael Herrero - Calvo Sotelo, 11 - Valencia

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

Stephan N. Bojkov, 23-jaraĝa junulo Debelez - Tirnovo (Bulgario) dez. koresp. Esperante kaj germanlingve per il. pk.

Esperanto-Klubo de Moortebeek aranĝas ekspozicion de infandesegnoj pri la jena temo: «La folkloro de mia regiono», okazonta dum venonta septembro. Petu la lernejestron de via kvartalo partoprenigi ties gelernantojn kaj sendu la desegnojn al
Rajmundo Walraevens - Rabelais strato, 10
BRUSELO (Belgio)

C. Cañellas, strato Balmes, 258
Barcelona (Hispanio)
korespondas pri Elektronistiko kaj Radio kaj intersanĝas koncernajn revuojn kun ĉiulandaj gesamideanoj.

Junaj gelernantoj dez. koresp. kun ĉiuj landoj, pri ĉiuj temoj. Adreso:
Salvador Martínez, Av. José Antonio, 15, 2.º
Tabernes de Valldigna (Valencia)

S-ro Piou, 33 Rue Gambetta, Nantes (Loire Inferieure) Francio, deziras korespondi kun hispanoj, precipe kun gepatroj kaj muzikistoj, pri koncernaj temoj.

### ESPERANTISTA KONCENTRIĜO

La samideanoj de Sardanyola aranĝas koncentriĝon kaj feston por la dimanĉo 1. de Junio, kun la celo plifirmigi bonan amikecon inter la esperantistaro de la regiono. Anoncu vian ĉeeston kaj petu informojn al la Prezidanto de Esperanto-Sekcio: José Plá, strato Las Flores, 14
SARDANYOLA (Barcelono)

S-ro Hiroshi Ukino, 34 Ikuta, Sanlanda. Amagasaki City (Japanio) deziras koresp. kun hispanaj gesamideanoj.

PERIS-G. V. MARQUÉS DEL TURIA, 28-VALENCIA